XXXIII-a Jaro — N-ro 439 — 25 Marto 1937


# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio


# Lingvoj de malgrandaj popoloj

**Difino - Superrigardo - Ilia situacio en Europo - Utilo de Esperanto - Maniero de propagando**
**Praktikaj rezultoj - Nova fako de agado**

### Difino

Lingvoj de malgrandaj popoloj, aŭ lingvoj parolataj de malplimulto. Ofte uzataj esprimoj, ofte miskomprenataj. La vortoj « malgranda » kaj « malplimulto », premisas do unue la malon, t.e. « granda » kaj « plimulto ». La plimulto do estas granda, multnombra nacio aŭ popolo, kiu sur sia nuna teritorio « gastigas » genton aŭ popolon, sin diferenciganta de l' ĉirkaŭa mondo, per aliaj kutimoj sed ĉefe per alia lingvo. Nova vorto en nia lingvo estas por malplimulto « minoritato » uzita por redoni la signifon de l' vorto — minorité —, afero ludinta tiom gravan rolon okaze de la packonkludoj en 1919-1920.

Kie estas plimulto kaj malplimulto, estas konfliktoj, luktoj, senĉesaj ĉikanoj. Ĉi-tiuj povas esti pro principaj, organizitaj kaj bazantaj sur ia doktrino. En ŝtatoj, politike evoluiĝintaj, kun firma centra povo, la rimedoj niveligi kaj asimili fremdaĵon sur propra tero estas aliaj, pli mildaj sed despli efikaj. Lernejo, militservo, facila intermiksiĝo estas faktoroj tiom gravaj kaj efikplenaj en la nivelado, ke la perforta procedo « per fajro kaj glavo » ne plu uziĝas. La historio de Eŭropo en la lasta jarcento estas intime ligata al la problemo de la gentaj kaj lingvaj malplimultoj, kreintaj en gravaj regnoj la tielnomitan « iredentismon », kaŭzo de venenigo de la politika atmosfero antaŭ, dum kaj post la milito. Iun solvon trovis la problemo en la tielnomata « Rajto de la malplimultoj », reguloj kaj devoj de aro da regnoj kontraŭ iliaj malplimultoj. Ne estas sekreto, ke tiu-ĉi devigo, sentata kiel limigo de suvereneco, nek kontentigas plimulton regantan, nek malplimulton regatan. Sed tio ne interesas nin en tiu ĉi studo.

### Superrigardo

Ni ĵetu rigardon sur la malplimultoj en Eŭropo. Ni devas tuj diferencigi. Estas tri grupoj da ili. La unua grupo de malplimultoj, estas tiuj, kiuj trovas moralan apogon en alilanda regno, sekve laŭ lingva vidpunkto ĝenerala, ne estas malplimultoj. Tio rilatas ekzemple al germanaj malplimultoj en aro da ŝtatoj, la ukrainaj (rutenaj), la polaj, k. t. p. La dua grupo estas tiuj lingvoj, kiuj estas efektive malgrandaj. Ili povas esti sendependaj politike, ekzemple, estona, latva, litova lingvoj kaj aliaj, samtempe kalkulantaj polerojn en aliaj regnoj, kun aŭ sen protekto lingva. La tria kategorio estas la efektivaj « sortbatitoj », kiuj estas parolataj de malgranda nombro, ne ĝuas ian oficialan protekton, ne povis produkti konsiderindan literaturon kaj kiuj estas sub premo duobla : materia kaj morala. Ĉi tiu premo duobla estas ŝuldata al cirkonstancoj kvazaŭ naturaj, kiel ekzemple la kaptiga influo de kultura lingvo kun riĉa literaturo kaj kun tutmonda konsidero. Ĉi tiuj kulturlingvoj simple absorbas la etulojn, kaj popoleto tia, malaperas etne kaj lingve. Esceptoj ekzistas ankaŭ. Se la grandaj popoloj ne povas kaj ne volas protekti leĝe tiajn etnajn kaj lingvajn malplimultojn, kiuj troviĝas en iliaj respektivaj landoj, tiam ekzistas tamen aliaj, kiuj tion faras. Citinda estas la ekzemplo en Svislando, kie la popolo voĉdonas en tiu ĉi jaro, por ke la retoromanĉa lingvo, parolata de 40000 homoj, fariĝu oficiala lingvo, apud la germana, franca, itala. Alia fakto ne malpli interesa estas la oficialigo de multaj idiomoj, (kiujn okcidentanoj eĉ ne konis laŭnome) en Soveta Respublikaro. Du ŝtatoj, unu malgranda, la alia giganta laŭ amplekso, el malsamaj vidpunktoj plenumis kulturan agon.

*
* *

La jena artikolo ne celas doni kompletan priskribon de tiu-ĉi problemo, sed informi ĝenerale en grandaj linioj. Pro tio la nuna listo de tiaj malgrandaj lingvoj, limiĝas al tiuj en Eŭropo.

Armena (Balkano, Turkujo, USSR)
Baska (Francujo kaj Hispanujo)
Bretona (Francujo)
Frisa (Germanujo, Nederlando)
Friula (Friulo, en Italujo)
Juda (Ĵargono : Bulgarujo, Jugoslavio, Baltaj landoj, Polujo)
Kimra (Britujo, Wales)
Kucovalaka (Albanio, Greklando)
Lapona (Nordo de Skandinavio)
Macedoslava (Greklando)
Malta (Sur Malta Insulo)
Romanĉa (Svislando)
Soraba (slavoj, loĝantaj en Spree-arbaro kaj en Luzico)
Spanjola (Levanto)
Tatara (Bulgarujo, Rumanujo)

Povas esti, ke tiu ĉi listo ne estas kompleta. Mankas la idiomo de la ciganoj vagantaj en ĉiuj landoj kaj kiuj — laŭ lingva vidpunkto — prezentas ion tute apartan.

### Ilia situacio

La foresto de subteno materia kaj morala sekvigis, ke aro el la nomitaj idiomoj ne povis evolui literaturan konsiderindan. El kio sekvis ia neniam pruvita aserto « lingvo malkapabla por atingi pli altan gradon de kulturo » kaj similaj eldiraĵoj. Kaj de tiu-ĉi kvalifiko ĝis plena malestimo ne estas granda paŝo. En la momento, kiam la ĉiopova ŝtato deklaras ion nedezirinda, la batalo pro ekzisto fariĝos senespera. Tamen, malgraŭ ĉio tio, oni povas konstati kun miro, kiom obstina, kiom rezistopova estas lingvoj. Tio permesas konkludi, ke ekzistas io mistera, nekonata, kio kapabligos la homojn konservi kontraŭ konstantaj ĉikanoj la amatan parolaĵon de la prapatroj. Meze de potencaj idiomoj, kies kono vastigas horizonton kaj prezentas ekonomian avantaĝon por la parolanto, postrestas forgesitaj lingvoj atendantaj alveni tagon de reviviĝo.

Kie leĝaro aŭ naturaj kondiĉoj tion permesas, ĉi-tiuj lingvoj evoluiĝas, kvankam malrapide. Gravega helpo por ilia firmiĝo estas la traduko de la Biblio, libro kiu ja ankaŭ utilis kiel bazo por aliaj lingvoj eĉ potencaj laŭ nombro de parolantoj. La fakto, ke serio de forgesitaj lingvoj, vegetintaj kaŝe, konitaj en fremdlando nur de scienculoj, ree ludas rolon de publika parolaĵo, influis en certa grado ankaŭ tiujn, kiuj ne povas esperi politikan sendependecon. Troviĝas homoj kiuj batalas por la rajto de l'instruado elementa en la koncerna lingvo, aŭ kiuj entreprenas la reguligon de la lingvo en gramatiko, vortaro, ekzistanta literaturo. Kun kelkaj esceptoj vidiĝas sukceseto en tiu ĉi klopodo.

### Utilo de Esperanto

La internacia lingvo, ĉu ĝi povas esti utila en tiu ĉi batalo? Ĉu INTERNACIA estas ligebla al NACIA ? Ĉu fine Esperanto devas enmiksiĝi en tian lukton?

La Deklaracio de Bulonjo, diras interalie.....

*..... donus al la homoj de malsamaj nacioj la eblon kompreniĝadi inter si, kiu povus servi kiel paciga lingvo de publikaj institucioj en tiuj landoj, kie diversaj nacioj batalas inter si pri la lingvo, kaj en kiu povas esti publikigataj tiuj verkoj, kiuj havas egalan intereson por ĉiuj popoloj.*

Tio sufiĉas. Kaj de tiu ĉi difino de uzo certe tre ideala kaj realigota eble post pliaj jardekoj, estas nur plia paŝo al vasta uzado de Esperanto, pere de anoj de tiaj forgesitaj lingvoj por konigi sin al eksterlando, por varbi amikojn, por propagandi tute simple. La spertoj faritaj en tiu ĉi sferó rajtigas tian uzadon. Ne estu forgesata kiom multe utilis Esperanto al nombro de lingvoj, hodiaŭ oficialaj iam batalintaj por rekono aŭ konateco.

### Maniero de propagando

Se unuflanke Esperanto povas servi kaj servis en tiu ĉi okazo, kiel oni propagandu Esperanton inter tiuj lingvanoj ? Tio estas iom delikata demando, facile oni riskas esti miksata en aferojn tute ne koncernantaj nin. Atentinda ekzemplo estas la kazo de la bretona lingvo-movado, kie Esperanto trovis jam kelkajn amikojn. Unua necesaĵo estas, la lernolibro de Esperanto en la koncerna lingvo. Kaj se lernolibro ankoraŭ ne estas farebla, tiam la aperigo de ŝlosilo de Esperanto estas la unua paŝo farenda. En nia propagando, inter la anoj de ĉi-tiuj forgesitaj lingvoj, ni devas akceli ĉefe la eblecon kontaktiĝi per neŭtrala idiomo kun lingvaj samsortanoj en aliaj landoj, informiĝi per ĝi pri faritaj spertoj, kaj ĉiel uzi Esperanton kaj ĝian organizon por praktikaj bezonoj. Eble iam povus formiĝi pere de Esperanto, organizaĵo inter tiuj lingvanoj por doni necesan apogon al iliaj klopodoj.

### Praktikaj rezultoj

Parolante pri praktikaj rezultoj, estas konsciata tiaj favore de nia lingvo. Kaj tiurilate oni devas lerni el la spertoj faritaj. Malmultaj hodiaŭ memoras tempon, kiam la ĉeĥaj (tiam nomitaj bohemaj) Esperantistoj klopodis pere de Esperanto por konigi naciajn kaj lingvajn dezirojn. Kaj tiukaze ne temas pri malgranda lingvo. Alia ekzemplo estas la kimra. Kiu el la legantoj sciis ion pri kimra lingvo, antaŭ interkonatiĝo kun Esperanto ? Estas malmultaj ! Nu, ankaŭ kimraj esperantistoj procedis tute same kaj, per gazetartikoloj, per partopreno de la kongresoj esperantistaj dokumentigis sian ekzisto-n kaj konigis siajn aspirojn. Alia ekzemplo estas la kataluna, lingvo de malgranda popolo, hodiaŭ oficialigita. La katalunaj esperantistoj sin servis de Esperanto kaj per la organizo de FLORAJ LUDOJ, (literaturaj festoj) altiris vastan atenton en la propra lando. Oni povus multigi la ekzemplojn, sed necesas nur montri la tipajn.

Menciinda en tiu ĉi direkto estas ankaŭ alia trajto. La katalunaj esperantistoj, fieraj je lingvo malnova kaj valora, dokumentis tion per eldono de Antologio, vera perlo de ilia kaj nia literaturo. Kaj tiu-ĉi verko instigis aperigi similajn en aliaj lingvoj, penadantaj diskonigi siajn spiritajn valoraĵojn.

Resume oni povas diri, ke la praktikaj rezultoj el tiu-ĉi agado estas atentindaj, rajtigantaj etendi ĝin ĉe aliaj.

### Nova fako de agado

Vidiĝas nova fako de agado por la propagando. Kiel kaj kiamaniere ĝi estu organizata, estas objekto de vasta ekzameno, entreprenata de samideano kompetenta en la materio. De tempo al tempo aperos informoj en ESPERANTO pri faritaĵo aŭ farotaĵo. Personoj havantaj intereson aŭ povantaj servi per utilaj informoj estas petataj sin anonci al la Propaganda Servo de UEA.

H. J.

# Lingvaj minoritatoj
## (Lingvaj malplimultoj)

## La lingvo bretona

*En la anoncita serio de artikoloj pri lingvaj malplimultoj, la nuna artikolo rilatas al libro aperinta antaŭ nelonge. Tiu ĉi libro titoliĝas « La Langue bretonne », ce qu'elle fut, ce qu'elle est, ce qui se fait pour elle et contre elle. (La lingvo bretona. kio ĝi estis kio ĝis estas, kion oni faras por kaj kontraŭ ĝi). Bonege verkita, de Marcel Guieysse, sen amara sento kaj sen insulto kontraŭ la pli forta en la batalo, tiu ĉi libro prezentas la situacion de forgesita gento. Ni penas prezenti resumon koncizan kaj tamen elĉerpan. (Red.).*

### Kio estas bretona ?

Bretonoj estas « malgrand-britoj » tute simple. La radiko « bret » estas alia formo de brit'. Per bretono oni nomas hodiaŭ la loĝantojn de la Malgranda Britujo, la *Petite-Bretagne* kiel distingo al tiuj de la Granda Britujo, la *Grande-Bretagne*. La iama duklando Bretonio, poste provinco franca estas loĝata de gento veninta el Britujo. En la nuna divido de Francujo, Bretonio formas la departementojn Finistère, Côtes du Nord, Ille et Vilaine, Morbihan, Loire Inférieure.

### La origino

La bretona gento, veninta dum la sesa jarcento de nia epoko el Britujo por eskloĝi en la senhoma landparto ankoraŭ nun okupata de iliaj posteuloj, estis britoj. Ili estas do keltoj. Valoras precizigi tiun ĉi vorton. Per *kelt'* oni komprenas la tutajon de tiu-ĉi tribaro, kiu okupis komence de la kristana epoko vastajn landojn, Balkanon, parton de Italio, tutan Francujon, parton de nuna Germanio, Belgujon, Svislandon, ja eĉ Malgrand-Azion k. a. Atestantoj neforviŝeblaj de ilia ekzisto estas sennombraj loknomoj en ĉiuj tiuj landoj.

La keltoj estas konataj al ni sub pluraj nomoj, aparte de la nomoj de keltaj triboj. Se en Francujo oni parolas pri *gaulois*, en Britujo pri *welsh*, la germanoj pri *Welsch*, la ĉeĥoj pri *vlach*, kaj la Biblio pri *galat'*, ĉio tio estas nur transformoj de sama radikvorto *kelt'* en la buŝoj de la parolantoj. Rimarkinda estas konstati, kiel longtempe povas resti vorto, eĉ se la afero esence ŝanĝiĝis. Tiel nunaj germanoj kaj svisoj nomas per Welsch' la francojn, kiuj tamen ne estas plu identaj al la originaj loĝantoj laŭ popoleco.

Kiel najbarojn la keltoj renkontis la ĝermanojn (ne germanojn, kio estas io tute alia) kaj la latinparolantajn romanojn. Ambaŭ estis ankaŭ iliaj ĉefaj malamikoj, kaj la politika malapero de la kelta gentaro estis ĉefe ŝuldata al la premo de potenca Romo, helpita parte de ĝermanaj triboj.

Hodiaŭ ekzistas keltaj gentoj parolantaj keltan lingvon en Wales, nomata ankaŭ kimra lando, en Skotlando, en Irlando kaj en franca Bretonio. Neforgesinde estas, ke la irea, la oficiala lingvo en Irlanda liber-ŝtato estas kelta idiomo, renaskiĝinta kun la politika sendependiĝo.

### Lingva renaskiĝo

La postmilita tempo vidis multajn fenomenojn inter kiuj la renaskiĝo de forgesitaj lingvoj, estas malpli atentata. Kiu estus pensinta antaŭ jardekoj, ke la klasika hebrea lingvo fariĝos oficiala parolajo en Palestino ? Kaj serio da lingvoj, ŝajne kondamnitaj esti englutitaj de potencaj najbaroj, reviviĝis, dank' al politikaj ŝanĝoj kiuj ni ja vidis preterpasi. La solenaj deklaroj pri la rajto de memdecido faritaj de ŝtatistoj, vekigis kvazaŭ el profunda dormo ankaŭ aliajn forgesitojn. Kaj inter ili troviĝas la bretonoj, kiuj per pacaj rimedoj deziras atingi la rajton instrui kaj uzi la lingvon de la prapatroj.

### Nuna situacio

La bretona lingvo parolata de kampara popolo (1,5-2 milionoj.) spertis la sorton de ĉiu venkito. Tamen, la maniero laŭ kiu tiu ĉi iom post ioma malapero okazas, estas esence malsama, ol tiu, kiun oni konstatas alilande, kontraŭ aliaj mortantaj idiomoj. La praktiko de la franca registaro kontraŭ fremdaj parolajoj sur la franca tero estas diktata el la deziro konservi lingvan unuecon de la lando. Kaj estas rimarkinda trajto, ke ĉiuj regadformoj en Francujo, de la francaj reĝoj al la konvencio, de la Imperio al la reĝimoj sekvantaj Napoleonon ; se ili ŝanĝiĝis en multaj aferoj la trajton de Francujo : en unu rilato ili ĉiuj similis. *Sur franca tero, franca lingvo.* Oni rajtas diri, ke la franca karaktero ne emas je krudaj rimedoj. Oni kalkulis je la nekontestebla altirpovo de la franca lingvo, la brilo de la franca civilizo, kapablaj absorbi fremdajon senbrue.



*Th. Hersart de la Villemarqué, Bretona leksigrafo*

Hodiaŭ la bretona lingvo estas instruata en superaj klasoj per franca lingvo, komparebla al la instruado de klasikaj lingvoj. La elementa instruado okazas en franca lingvo al lernantoj aŭdintaj hejme nur bretone. « *Oni instruas en lingvo, kiun la lernantoj ne parolas kaj oni parolas en lingvo, kiun oni ne instruas* », diras la verkinto en sia libro. Naskiĝas el tio konfuzo kaj ĉe multaj malŝato. Kaj por finigi tion, la defendantoj de la bretona lingvo postulas, ke la unua instrua lingvo estu la propra. Praktike tio kondukas al dulingveco, aperajo konata ankaŭ en aliaj landoj.



*Jean François Le Gonidec, Bretona leksikografo*

### Lingva agado

La agado por evolui la bretonan, de kampara idiomo al kultura esprimilo datiĝas jam de antaŭ pli ol cent jaroj. Leksikografoj, lingvistoj, folkloristoj bretonaj esploris, kolektis, klasigis ĉiun materialon kaj per tio preparis la fekundan teron sur kiu la postulo je oficiala konsidero trovos radikon. La ideo, ke temas pri idiomo primitiva, nekapabla redoni modernajn esprimojn, trovis jam praktikan refuton. Inter la homoj kiuj distingiĝis en tiu ĉi klopodado, estu citataj la nomoj de *Jean François Le Gonidec*, (1775-1838) *Th. Hersart de la Villemarqué* (1815-1895) *François Luzel* 1821-1895) *Emile Ernault* kaj *François Vallée*. Gigantan laboron plenumis ĉi-tiuj viroj, veraj kreintoj de lingvo el parolajo nomita barbara. Hodiaŭ tuta aro da junaj fortoj daŭrigas tiun ĉi pioniran laboron, polurante, glatigante kaj formante la lingvon per originalaj kaj tradukaj verkoj. La proksima celo de la agado estas atingi unuformecon de kvar ĉefaj dialektoj, penado kiu havas analogiojn ankaŭ en aliaj lingvoj formiĝintaj. Inter la periodajoj celantaj formi la lingvon estu citataj « Gwalarn » (= Nord-Okcidento) kies redaktoro Roparz Hemon estas esperantisto. Alia revuo en la dialekto de Vannes estas « Dihunamb » (= Ni revekiĝu). Atentinda estas ankaŭ, ke inter kelkaj bretonoj montriĝas profunda intereso al la internacia lingvo. En du lokoj, la libro citas Esperanton, kies rolon oni perfekte komprenas.

### Estonto

Ĉu ĉi-tiuj klopodoj havos la esperatan sukceson ? Se oni juĝus laŭ la franca gazetaro, ŝajnas ke ne. Generale la sinteno de kieraj franclingvanoj, rilate al la problemo de lingvaj malplimultoj en propra regno, estas tiu de l'riĉa onklo al mizera parenco. Iuj vidas en la laboro por la bretona lingvo politik-reakcian agadon, aliaj vidas la manon de Moskvo. Nu, la bretonoj ne havas politikan aspiron, ne ekzistas potenca regno kiu volus revenigi devojiĝintan filon. Kaj ŝajnas al bonvola observanto, ke precize en la foresto de iu ajn politika karaktero, troviĝas la forto kiu garantios sukceson. La tuta penado ja ne estas verko de iuj maniuloj, sed radikanta en popola grundo. Tion pruvas la fakto, ke ĉirkaŭ ducent urbaj konsilantaroj kaj aro da sciencaj societoj voĉdonis favore al lerneja instruado bretona. Nedubebla estas la morala influo, kiun ekzercas la metoda modernigo de la irea (gaela) lingvo kaj la flegado de la kimra en Wales. La aserto pri fuŝa uzado de du lingvoj (bretona kaj franca) kontraŭ bona uzado de unu (la franca) ne estas pruvebla. Ekzistas aro da landoj, kie dulingveco ne prezentas tiom da komplikajoj kiel oni ĝenerale kredigas. Necesas vasta informa agado, por ke la publiko komprenu motivojn kaj celojn. Kaj en tiu ĉi agado la menciita verko bonege plenumas sian rolon.

### Lingva komparo

La parencoj al la bretona lingvo estas la kimra, (Wales) la gaela, (Irlando kaj Skotlando). Vidinda estas la skriba aspekto de ĉi-tiuj idiomoj. Servu por tio la jena teksto el « The Gospel in many tongues » de la cititaj lingvoj :

Bretona : Dialekto de Leon

Rag Doue hen deuz karet kement at bed, ma hen deuz roet he Vab unic, evit na vezo ket kollet pioubenag a gred enhan, mes ma hen devezo ar vuez eternel.

Gaela : Skota Altlando

Oir is ann mar sin a ghràdhaich Dia an saoghal gu'n d' thug e aon-ghin Mic féin, a chum cò air bith a chreideas ann, nach sgriosar e, ach gu'm bi a'bheatha shiorruidh aige.

Irlanda : Liberŝtato Irl.

Oír is mar so do grádhuigh Día an domhan. go dtug sé a éinghein Meic fein, ionnus gidh bé chreideas ann, nach rachadh se a mugha, achd go mbeith an bheatha shiorruide aige.

Kimra : Wales, Kimrujo

Canys felly y carodd Duw y byd, fel y Rhoddodd efe ei unig-anedig Fab, fel na choller pwy bynnag a gredo ynddo ef, ond caffael o hono fywyd tragywyddol.

Esperanto : Internacie.

Ĉar Dio tiel amis la mondon, ke li donis sian solenaskitan filon, por ke ĉiu kiu kredas je li, ne pereu, sed havu eternan vivon.



*Emile Ernault, Bretona folkloristo*

# Tombo de Zamenhof, belaj aranĝoj, Festo de la Veteranoj
# Kun malpacienco atendas alvenon de la kongresanoj

# LITERATURO

## Grasaj kreskaĵoj

**Botanika babilaĵo**

La pasio por kaktoj, kaptinta multajn personojn, ne estas io nova. Povas esti, ke la stranga tempo post la milito kontribuis, por alproksimigi al seniluziigitaj animoj la strangan, obstinan, pikan kaj kuriozan kakton, dume la sorĉiga ĉarmo de la kapricaj floroj simboligis al kaktoamiko la renaskiĝontan esperon.

Jam antaŭ jarcento, kiam la esploristoj en velŝipoj kaj la sennombraj pioniroj de la moderna botaniko alportis la fantaziajn infanojn de la tropikaj dezertoj al Eŭropo, jam en tiu ĉi epoko la kaktoj ĝuis grandan ŝaton. La bonsituita burĝo de l'tempo pasinta povis sonĝi antaŭ siaj kaktoj en komforta ĉambro pri la fabelsorĉaj regionoj, tiom elokvente priskribitaj de Alexander von Humboldt. Sed jam al tiu ĉi ŝato por kaktoj antaŭis la antikva prefero por grasaj plantaĵoj. La plej konata inter ili, la sempervivo (Joubarbe des toits Hauswurz, houseleek, Sempervivum tectorum) ne devis manki en la antikva tempo sur la tegmentoj. La delikata rozaco estis konsekrita ĉe la malnovaj ĝermanoj al Thor, la dio de l'tondro (ankaŭ nomita Donar) ĉe la romanoj al la dio de l' fulmo aŭ dipatro Jupitro. La franca nomo Joubarbe, deveninta el latina Jovis barba t. c. barbo de Jupitro tion memorigas ĝis nun. La plantaĵo servis kiel fulmoforiganto al la domo. Kun la intereso kreskinta por kaktoj ankaŭ kreskis la intereso por tiu ĉi krasulaco, la sempervivo. Kiel ornama kreskaĵo ĝi trovis dum la pasinta jarcento grandan uzon en la tiom ŝatita « tapiŝaranĝoj » en la publikaj ĝardenoj, pruvo de vojerarinta gusto de l'epoko, komparebla al la tondado de arboj dum baroka epoko. Poste venis la granda pasio por rokaĵoj, speco de romantismo en la naturo, pasio ankoraŭ nun vivanta, la glora tempo de ĉiuj rokrompantaj kreskaĵoj, de la saksifragoj, de la sempervivoj, de la sedoj, de la selagineloj k. a. Kvankam la krasulacoj pro iliaj « karnaj » aŭ « grasaj » folioj havas similecon al la kaktoj kaj pro tio ankaŭ simpatiaj al la kaktoamiko, ili tamen montras distingajn kontrastojn. Ambaŭ estas tipaj plantaĵoj de l' dezerto, kiuj pro la akvokonserva karakterizo ofte estis vivsavintoj al dezertmigranto. Ambaŭ specoj sin defendas kontraŭ la impertinenteco de la soifantoj. La kaktoj per la dornoj, la krasulacoj per la amara suko. Pro tio ankaŭ la nomo « amara radiko » en iuj lingvoj, aŭ piproherbo kaj similaj. Alia klaso de tiuj kreskaĵoj, ne posedantaj amaran sukon nek dornojn defendas sin alimaniere per mimetismo (Mimikry). Tiel ekzemple la *glacia herbo*, kiu imitas nemanĝeblajn kristalojn, la figoj de l'hotentoto, kies folioj aspektas kiel rulŝtonoj kaj pro tio estas protektataj kontraŭ la bestoj.

La kaktoj devenas plejmulte el la nova mondo, dume la krasulacoj venis el Suda Afriko.

La agavoj hejmas en ĉiuj subtropikaj landoj kaj estas asimilitaj nun en sudaj landoj de Eŭropo. La sukereca suko de la amerika agavo (Agava americana) liveras la pulkon, la nacia trinkaĵo meksika. Kiel ĉambra floro, oni ne sukcesas en nia klimato florigi la agavon. Ĝi bezonas 30 jarojn ĝis kiam ĝi produktas la riĉornamitan flortrunkon kaj donas semojn. Oni plimultigas ĝin per branĉoplantaĵoj (plantonoj). Ĝi postulas sunriĉan lokon kaj multe da akvo.

La aloo estas liliacea kreskaĵo kun karnfolioj, dornece dentumitaj. Ĉe longaj trunkoj pompas la brilantaj florfaskoj. La amara suko de la aloo estas kondensita per kuirado kaj uzata kiel sanigilo.

La fibrofloro *mesembriantemo* estas kreskaĵo sudafrika kun floroj ruĝaj, oranĝaj, flavaj kaj brilhelaj. La filamentoj langoformaj donas al ĝi aspekton de krizantemo. Unu el ĝi, estas trikolora, verda, purpura kaj blanka. La glacia herbo produktas kristalsimilajn k u g l o f o r m a ĵ o j n, servantaj kiel akvo-rezervujo. Sed la plej strangaj inter la grasaj kreskaĵoj estas la hotentota figo, ŝategataj de la buŝmenoj kaj de la simioj. La folioj de tiu ĉi plantaĵo imitas la rulŝtonojn de la dezerto tiom verece, tiom trompige ke homo kaj besto devas penadi por ilin diferencigi de veraj ŝtonoj. La arumofloro scias protekti sin per la penetra odoro. Dume la tigrokreskaĵo similas kun la minacantaj dentformaĵoj al la buŝego de rabbesto.

La grasaj kreskaĵoj en centra Eŭropo estas tre ŝatataj por la aranĝo de tielnomataj alpaj ĝardenetoj. Estas inter ili la Sedum arachnoidum, la aranea teksaĵo, la variaj saksifragoj kaj antaŭ ĉio la aminda Sempervivo montara, Sempervivum montanum.

(Floramiko.)

---

*Mono estas bona servisto, sed malbona estro.*

***

*Se ludante kartojn kaj oni foriras kun gajno, tiam oni diras, ke oni ludis en distinga klubo. Sed perdinte, oni estis en Briganta kaverno.*

## Amuzaj autaŭnomoj

Bela nomo, bona doto ! Tiel pensas la nigruloj en Usono. Sed ili komprenas tiun ĉi frazon iom primitive kaj tro laŭvorte. Pro tio ili donas al iliaj infanoj la plej belajn nomojn, indaj esti envicigataj en kolekton de baptonomoj. Ekzemple iu nigrulo nomis sian infanon « *Emancipation-Proclamation* ». Ĉar tiu ĉi nomo ne povis esti flue elparolita, oni ĝin mallongigis al karesa formo. Kaj tiu ĉi estis « *Manzi* ».

Floroj de la sama arbo estas « Geranio » kaj « Artfloro ». Tre bela kaj preskaŭ poezia estas la nomo « Kloro ». Sed ankaŭ geografiaj nomoj estas ŝatataj. Populara estas ekzemple « Onklino Missouri » kaj « Panjo Azio » (Aunt Missouri — Mammie Asia). Sed kelkfoje ne sufiĉas al la nigraj gepatroj tiu ĉi tera mizervalo kaj la ĉielaj terenoj devas prunti al iliaj amatoj la nomon. Pro tio « *Anĝelo Anne* » kaj « *Perla pordego* » ne estas malofta. Sed ne nur la nordamerika nigrulo manifestas sian preferon al tiaj sensaciaj nomoj, ĝin faras ankaŭ la sudamerika nigrulo. En Georgetown, Brita Gujano, pastro devis bapti infanojn laù jenaj « elektitaj » nomoj : « Nannie Bellon », Reĝino Elizabeto », « Princo Alberto », « John Buffoon », « Frank Grashopper ».

Kelkfoje tiu ĉi pastro rifuzis konsenti al la infano la elektitan nomon. Foje infano devis havi la nomon « Whiskey Emmanuel». Tio estis tro forta viskio por la pastro. Alia nigrulo insistis, ke lia infano havu la antaŭnomon « Seriatim ad Valorem ». La pastro fine devis cedi. Alia donis kiel nomon por la infano « La agoj de l'Apostoloj » (Acts of the Apostles). Kaj li klarigis tion laùjene : « Vidu Sinjoro Pastro, mi venis al la ideo travidi la tutan Novan Testamenton. Mi havis ĝis nun kvar knabojn. La unua estas Mateo, la dua Marko, la tria Luko, kaj la kvara Johano. Kaj pro tio la kvina devas nomiĝi ». « Agoj de l'Apostoloj. »

---

## Pensoj sen pretendoj

*Ironio estas la lasta radio de la falinta lum-anĝelo.*

***

*La cerbo de l'artisto estas la anteno, la fingroj de Dio la sendstacio.*

***

*Epilepsio havas nenion komunan kun la modernaj dancoj.*

***

*Kiam ĵuras virino, Dio ripozas.*

***

*La malspriteco de virino estas ŝia plej granda forto. Oni ĝin nomas « naivecon » kaj glorigas ĝin.*

***

*La naivecon de l' viro oni nomas « malspritecon » kaj punas ĝin per moko.*

***

*Turka kafo estas la haŝiŝo de l'intelektulo.*

***

*Dum festa horo kreis Dio la muzikon — dum malbona horo, la .....muzikistojn.*

***

*Kiu belan edzinon havas, ne posedas pro tio bonguston.*

---

# LINGVO KAJ VIVO

## Evoluo de Esperanto

**Kritik-historia skizo de Petro Stojan**

VI.
*(sekvo)*

Tiel ni konstatas, ke la idea ĉeno intime ligis ĉiujn nomitajn aŭtorojn, de Lull ĝis Zamenhof, kvazaŭ idojn, generacie sinsekvantajn en unu granda dinastio dè la Regno Idea. Malantaŭen irante, ni sammaniere trovas ke Lull ligiĝas al Plato, Pitagorismo, kiu heredis el Hinda filozofio, do el la Blank-rasa spirito... naskita en la virgaj arbaroj de Niemeno, Vistulo kaj Dniepro. Zamenhof do fermis la grandan ciklon de la rondiranta civilizacio. La mistera serpento « Uroboro » ekmordis sian voston.

### Dua parto

**Zamenhofa lingvo**

En Decembro 1878 la deknaŭjara liceano Lazar Zamenhof festis kun siaj samklasanoj la naskiĝon de la « Lingwe Universale », kies specimeno famiĝis dank'al la Zamenhofa letero al N. Borovko (Odessa), publikita en 1896 :

« *Malamikete de las nacjes kadó,*
[*kadó, jam temp' está*
*La tot homoze in familje konuni-*
[*gare so debá.* »

(Malamikeco de la nacioj falu, falu, jam tempo estas, la tuta homaro en familion kununuigi sin devas.)

Dum du studentaj jaroj, en Moskvo, Zamenhof okupis sin dum libera tempo per perfektigado kaj elprovado de sia projektata lingvo, kiu en 1881 estis fiksita en kajero kun la titolo : « Lingvo Universala f. e. grammatiko e verbiozo laul trema redakco del anno 1881 » (.... gramatiko kaj vortaro laŭ tria redakto de la jaro 1881) Tiu kajero enhavas ruslingvan gramatikon pli proksiman al la formaro de 1887, ol al tiu de 1878. Jen la specimeno :

« *Mo bella princino il sonto vidá ko žuoj malsešaj e palaj, sul dillo, sul verda no koe sidá il armoj amizaj e kalaj...* »

En 1885 la lingvo de Zamenhof maturiĝis ĝis sia definitiva formo, publikita je la fino de 1887 en kvar naciaj « Unuaj Libroj » — rusa, pola, franca, germana.

En la « Aldono al la Dua Libro » (1889), Zamenhof invitas ĉiujn amikojn de la Lingvo Internacia labori por ĝi, ne atentante ke iu « Internacia kongreso de instruituloj » esploros, plibonigos aŭ sankcios ĝin, ĉar eble neniam tia kongreso efektiviĝos. « Por ke la lingvo povu regule, unuforme kaj unuvoje progresadi malgraŭ la disĵetita laboro de malsamaj personoj en malsamaj lokoj de la tuta mondo, oni devas krei komunan fundamenton... Tia komuna fundamento por la Lingvo Internacia devas esti mia unua broŝuro kiu havas en si la tutan gramatikon kaj sufiĉe grandan nombron da vortoj... Ĉio cetera devas esti kreata de la homa societo... Se ia vorto ne estas trovata en la vortaro kiun mi eldonis, kaj oni ĝin ne povas fari mem laŭ la reguloj de la internacia vortfarado... tiam ĉiu povas krei tiun vorton laŭ sia persona plaĉo... Mia rolo nun estas finita, kaj mia persono tute foriras de la sceno... Ĉion, kion mi de nun faros aŭ skribos, mi ĝin ĉion faros jam kiel simpla privata amiko de la lingvo internacia, havante nek pli da kompetenteco, nek pli da moralaj aŭ materiaj privilegioj, ol ĉiu alia. La verkoj, kiun mi eldonos persona, ne devas havi pli da kompetenteco, ol la verkoj de ĉiu alia... tion postulas la interesoj de la afero, kiu alie ne povus regule kaj rapide vastiĝi kaj ĉiam estus en dependo de unu persono kun liaj eraroj. »

Per tiaj sindevigoj kaj konsiloj al la unuaj adeptoj, Zamenhof, ne fidante aŭtoritaton de unu persono kiom ajn kompetenta ĝi estus, nek de iu kongreso, deklaris ke la sorto kaj normala evoluo de Lingvo Internacia dependos nur de la libera krea laboro, praktika uzado, konkuro, en kiuj la pli bonaj, la pli taŭgaj esprimoj, venkos la malpli bonajn, malpli taŭgajn.

---

Malgraŭ tiom klare diritaj adiaŭaj paroloj, malgraŭ la firma decido foriri el la sceno, lasi al la adeptaro zorgojn pri la juna lingvo, Zamenhof tamen revenis sur la scenon, ree prenis sur sin ĉefan, gvidan laboron, eldonante pli kompletajn vortarojn, direktante nespertajn adeptojn, konsilante, avertante. Tio estis neevitebla, ĉar li sola funde posedis la Lingvon Internacian, kiun li ne bezonis « lerni », dum liaj unuaj disĉiploj estis pli-malpli fervoraj lernantoj, plejofte nespertaj, nekapablaj kapti la spiriton de la lingvo, eĉ nekapablaj korekte, sen gramatikaj eraroj, skribi ordinaran leteron. En la arkivoj de la « Espero » — unua peterburga societo — troviĝas multaj leteroj de Zamenhof al liaj disĉiploj, kaj de tiuj al Zamenhof. La diferenco inter tiuj du leteraroj estas okulvidebla ; oni komprenas kial Zamenhof devis korekti, poluri per sia mano artikolojn kaj broŝurojn de la unua epoko. La granda entuziasmo, fervoro, sinofero de la unuaj pioniroj ne povis anstataŭi ĉe ili mankon de lingva sento, de korekta scio de la lingvo, tro juna, nefiksita, kreota en siaj estontaj detaloj. Estis facile al Zamenhof, kiu oferis dekdu jarojn da daŭra laboro prilingva, distingi inter bonaj kaj malbonaj kunmetaĵoj, klaraj kaj neklaraj parolturnoj. Sed estis nature neeble al liaj lernantoj, komencantoj — havi ĝustan posedon de la lingvo formiĝanta ; ankoraŭ malpli — vere kontribui al la evoluo de la lingvo. Apud Zamenhof estis du aŭ tri bonaj adeptoj, kiel Grabovski, kiuj ekposedis la lingvon, sed la ceteraj centoj tre malkorekte uzis ĝin, ofte nekonsciaj pri tiu fuŝado.

(Daŭrigo sekvos).

## Korekto :

En ĉapitro, aperinta en 2-a numero de Januaro kelkaj nomoj hungaraj ne estis korekte represitaj :

Anst. : *pâr* devas esti *pár*.
» *lejùt* devas esti *lejút*.
» *vizonto* devas esti *vizöntö*.

(Laŭ afabla atentigo de S-ro Julio Nemethy en Remetkertváros.)

# Speguloj de l'Esperantista vivo : Rigardo al gazetaro

**Esperantista Bahiano,** jaro 1, unua numero; jen sciinda historieto el ĝi:

Ĉe unu el la ekstremaĵoj de Magnolia Avenue en la nordamerika urbo Riverside, protektita per arta fera barilo kaj rigardata kvazaŭ nacia monumento, kreskas ĝis nun kun la respektinda aĝo de 66 jaroj, unu oranĝarbo devenanta de nia urbo Bahia.

Laŭ mendo de iu Sinjoro W. Sanders, de Washington, la Bahia amerika konsulo tien sendis 12 oranĝajn greftojn en 1870; el kiuj malgraŭ zorga flegado en varmejoj, nur 3 ankoraŭ vivis en 1873, kiam ili estis plantitaj en la farmbienon de iu Sinjorino L. C. Tibbet apud Riverside. Ĉi tiu Sinjorino pro forgeso pri la deveno de la amataj arbetoj ilin alnomis « Washington Navel » kaj de tiu ĉi epoko la patrolando de la tri oranĝarboj estis kondamnita al forgeso. La sepan de Majo 1903 la tiama prezidanto de Usono. S-ro T. Roosevelt, transplantis la lastan el la trio de la farmo de S-ino Tibbet al Magnolia Avenue kie la « patrino » ĝis nun staras. El ĉi tiuj tri oranĝarboj devenas la nunaj ok milionoj da oranĝarboj sur kiu baziĝas la agrikultura riĉeco de Kalifornio, kies semo elmigrinta de urbo Bahia kaj flegata de la persista laboro inteligenta de la usonanoj tiel fruktdonis grandege, kaj ankoraŭ daŭrigas tiele.

**Kataluna Esperantisto,** surprize venis! Sub titolo « Halto sur la vojo », la redakcio priskribas la nunan situacion:

La bedaŭrindaj bataloj kiuj daŭras en nia lando pro la faŝista ribelo, kiu tiom da sango verŝigas, devigas nin halti sur la vojo dum ni atendas la finon de la milito.

Nia halto por la momento rilatas nur la eldonon de nia gazeto. La komitato de K.E.F. pro militaj postuloj estas parte malpliigita; kelkaj komitatanoj estas sur la batalfronto kaj aliaj pro la nova ekonomia ordo estas tre okupitaj. Ĝi tamen klopodas daŭre subteni la rilatojn inter la enlandaj esperantistoj kaj kapti ĉiun favoran okazon por enkonduki Esperanton en ĉiujn mediojn.

Krom tio ŝajnas, ke nia publika agado devas adaptiĝi al la nova situacio kaj la senkolora enhavo de nia gazeto devas fariĝi pli viva kaj nuntempa. Por tio, kiam la ĉiutaga vivo fariĝos pli normala kaj kvieta, ni vokos niajn membrojn al eksterordinara kunveno kaj tiam ili montros, kiun vojon devos iri K.E.F. Se la federacianoj opinias, ke tiu kunveno devas okazi tuj ne atendante tiun normalecon aluditan, tiam ili sin turnu al ni laŭ tiu senco kaj ni volonte atentos ilian deziron. Dume ni haltas sur la vojo kun la espero ke en baldaŭa tempo ni povos daurigi la iradon.

**Ĉielarka Standardo,** titoliĝas Internacia kooperativa gazeto, eliranta en Varsovio kaj redaktata de Jan Zawada. N-ro 4-5, plaĉe presita, enhavas vivpriskribon de Robert Owen, artikolojn « Kooperativa ideo kaj la nuntempa ekonomio » « Japanaj Kurackooperativoj » « Por Internacia Interkonsento de Kooperativa junularo » kaj riĉan kronikon tutmondan kooperativan. (Abono 7 Fesv., adreso: Spólnota Pracy, ul. Marszalkowska 149/9, Warszawa.

**Flandra Esperantisto,** Marta numero informas pri la okazonta oka kongreso en urbo Leuven (Louvain) 15-17 Majo.

**British Esperantist,** komence de la jaro prezentas sin sub nova plaĉa aranĝo. La februara kajero enhavas atentindan artikolon anglalingvan « Esperanto en lernejo » kaj alian pri la Cseh metodo por infankursoj. Iom mire oni legas la informon de la Komercista Esperanto-Unio, sub rubriko « Esperanto vivas en Germanujo». Estas tie dirata ke kursoj de Esperanto estas permesataj. Kiu iom konas la veran situacion pridubas tiun ĉi sciigon.

La 27a Brita E — kongreso okazos en High Leigh, Hoddesdon, 23-26 Aprilo.

**Herezulo,** sendependa revuo por kontraŭbatali ĉiajn dogmoj reproduktas du interesajn leterojn el Sovetio, do el la soveta paradizo. Temas pri la vivkosto.

« Pri la vivkondiĉoj? Ĝenerale oni devas tuj diri, ke ili ne estas tiel brilaj, kiel oni ĉiel reklamas ilin ĉiutage. La mizero ankaŭ ĉitie ne mankas. Jen estas kelkaj ciferoj, kiuj eble vidigos al vi ion novan, kion verŝajne vi ne sciis. Bonvolu mediti k bone pripensi ilin.

La meza salajro de ĉi-tiea laboristo estas proksimume 100 rubloj.

La kostoj pri vivbezonaĵoj estas jenaj:

Sekal-pano po 0.75 Rb. por 1 kg.
Tritik-pano po 1.80 Rb. por 1 kg.
Sukero po 4.50 Rb. por 1 kg.
Butero po 16 ĝis 28 Rb. por 1 kg.
Porkaĵo po 9 Rb. por 1 kg.
Lakto po 1.50 Rb. por 1 litro.
Virinŝuoj po 70 Rb. por unu paro
Virinroboj po 25 Rb.
Malbonkvalita ĉemizo po 20 Rb.

La kostojn mi notis en rubloj, sed vi povas kalkuli ilin en via mono, jen 1 rublo = 3 fr. fr.

**Haga Katoliko Esperantista,** en numero de Februara komunikas la forpason de Pastro Lambert Poell, meritplena prezidanto de I. K. U. E.

**Laborista Esperantisto**
Amsterdam
n-ro 2, 1937, estas

la organo de la Lab. Esp. Fed. en la teritorio de la nederlanda lingvo. Ĝi aperas kun eldonnombro de 7300 ekz. La Februara numero estas speciale atentinda. Ĝi enhavas la budĝeton de la federacio por 1937 : 13035 Guld. Al la « organizemuloj » de la neŭtrala movado, ĉi-tiuj ciferoj devus ion komprenigi, nome la formigron de la progresemaj elementoj esperantistaj al la laborista movado. El librovendo rezultis eksemple neta profito de preskaŭ 2000 Guld. Serioza kaj imitinda agado!

**Helena Esperantisto**

redaktita de la greka pioniro de Esperanto, D-ro Stamatiadis, informas pri grava decido por la helena studentaro. Temas pri paŝoj faritaj favore al E. kiel kvina studlingvo en la Universitato.

## Militstato

**De Roda Roda**

Ne estis facile vivadi en Malgrand-Azio, kiam disfalis la bicanta regno — ho, ne estis facile. La tiamaj provincoj liberiĝis, proksimume dekkvin aŭ pli, kaj regadis ilin obtuza malkonsento. Oni starigis ligojn por malkonfesi ilin jam antaŭ ol la sigelvakso ekmalvarmiĝis. Ĉiuhore minacis la milito kaj neniu sciis ĝuste: kiu kontraŭ kiu.

Dum tiu epoko, 1350, en Nikomedion, Bitinio, kapitano de la pretorianoj faris sin mem landestro kaj nomis sin Nikomedo. Lia maksimo estis: « *Potenco superas la rajton, potenco estas ĉio* »; en tiu firma kredo li komencis formi sian regnon.

Li diris al si mem, « se la milito minacas ĉiuhore, ĝi ne surprizigu min; plivole mi kutimiĝu al ĝi ».

Kaj ŝparege li vivadis en la tendo, malsatis kun seka pano, trinkis akvon. La soldatoj, baldaŭ la tuta popolo, imitis la ekzemplon de la estro.

Kaptitaj per la fiksa ideo, ke la milito povus efektiviĝi je ĉiu horo, la armilforĝistoj laboradis freneze; ĉiuj viroj helpis forĝi armilojn.

« La milito povos eksplodi ĉiuhore » — Nikomedo dormadis kaskokovrite kaj ŝirmita per kiraso. En milito oni bezonas botojn grandamase. Por ŝpari la ledon por la milito, ĉiu homo iris nudpiede. Dum la milito estas neeble nutri tiom la brutoj — konklude oni buĉis jam aron da brutoj superfluaj.

La viroj ekzercadis de matene ĝis vespere: marŝadon, skermadon pafadon per la arbalesto. Oni bezonas rezervan armeon. Ekzercadis ankaŭ la junuloj, maljunuloj, infanoj. La virinoj kaj knabinoj posttrenis provizojn, vund-kuracilojn, ĵetŝtonojn.

La registaro gardis okulakre la metiistojn; ili estis devigataj fabriki nur la plej gravajn militaĵojn: la kamparanoj, se restis al ili ankoraŭ tempo por labori la kampojn, semis sole pangrenon.

Lastfine ĉiuj restadis en la kamptendaroj kaj dormis kaskokaj kirasoŝirmite.

Post kelkjara ekzercado la Bitinianoj estis tiom malsataj, malriĉaj kaj militlacaj, kaj trovis tiun ĉi vivmanieron tiel suficege enua kaj teda, kvazaŭ ili efektive militadis jam depost la komenco de la regado de ilia estro, Nikomedo.

Trad. J. R.

# EL REGNO DE EŬTERPO

**Redaktas: Hiller Sakaria, diplom. muzikaristo, Tallin**

Profesoro Erkki Melartin mortis la 14 de februaro en sia vilao en Punkimäki (Finnlando), 62-jara. Li estis unu el la plej eminentaj komponistoj finnaj, la arton studinta en Helsinki (ĉe M. Wegelius), en Vieno, Romo, Berlino k. al. De 1911-1936 li estis direktoro de la Helsinki'a konservatorio, de tempo al tempo diversloke koncertante kiel orkestrodirektanto. Rimarkindaj estas liaj operoj « Aino, » baleto « La blua perlo », kvar violonkvartetoj, pian-kaj violonsonatoj, multaj el liaj ĉk. 400 pianaĵoj kaj ĉk. 300 solkantoj. La eleganta formkulturo kaj delikataj harmonioj karakterizas Melartinon (spite al lia celkonscia penado al nobla populareco per aplikado de Finnaj popolmuzikelementoj) kvazaŭ francon inter la Finnaj kolegoj, kiel impresioniston iom inklinan ankaŭ al la ekspresionismo. La finnaj samideanoj memoros lin speciale kiel komponinton de esp-ista kanto « La Polusstelo ».

***

« Internacia Konsilantaro pri Popoldancoj » (International Advisory Folk Dance Council) estas fondita (adreso: Cecil Sharp House, London N. W.) sub la prezido de prof. J. L. Myres. Ĝia konsisto estas internacia. Kredeble ĝi favoras al la adapto de Esperanto por siaj celoj, por eviti ke « anglecs » surfoku ĝian « internaciecon ».

***

Pri « Nacia kaj universala muziko » skribas en « Modern Music » la germana elmigrinto, eminenta muziksciencisto Alfred Einstein: « Resume — ne ekzistas internacia muziko, sed ekzistas universala muziko: sole tiam, kiam granda nomo, samtempegranda muzikisto, superkreskas sian naciecon, inspirante al la mondo siajn personajn imagojn ».

***

La mortinta S-rino A. Stathatos heredigis al la konservatorio de Ateno 50 milionojn da draĥmoj (= ĉk. 10 milion fr. fr.) por konstruo de modela konservatoridomo kaj por stipendioj al talentaj muzikstudentoj.

***

Post antaŭ-nelonge finita renovigo kaj konstruo, la Pariza operdomo (palaco Garnier) iĝis eble la plej impona teatrodomo de Eŭropo. La kostoj atingis ĉk. 25 milionojn da fr. frankoj.

***

Ĵus oni malfermis en Praha muzeon, dediĉitan al la memoro de Bedrich Smetana.

***

La « Komitato de la Artoj » ĉesigis la prezentadon de la opero de Borodin « La herooj », scenigita en Moskvo de A. Tairov kaj entuziasme akceptita de la publiko — pro la nekonformeco de la teksto (de D. Biedny) al la aktualaj politikaj tendencoj.

***

De la 19 majo ĝis la 3 junio, en Glyndebourne (la « Salzburg de Anglujo ») estos laŭtradicie prezentata serio da operoj de Mozart, gvide de Fritz Busch. La nomita (privata) operentrepreno estas disvastiganto de atmosfero de vere internacia spirito pere de la muziko de genia homarano Mozart.

***

La fama sveda luitisto-kantisto sven Scholander mortis en Stokholmo 76-jara. — La itala muzikomondo perdis pro morto du eminentulojn: la oper-kaj kantkomponiston Pier Adolfo Trindelli (nask. 1858) kaj la popolkantesploriston Cesare Caravaglio.

***

La ĉijarajn Wagner-operprezentadojn en Bayreuth (de la 23. jul.-21. aŭg.) gvidos Wilhelm Furtwängler.

***

En la Ĉilia revuo « Revista de Arte » J. C. Paz nomas plurajn rimarkindajn modernajn sud-amerikajn komponistojn: José Maria Castro (nask. 1895), Honorio Siccardi (nask. 1897, disĉiplo de Malipiero), Luis Giannes (nask. 1897), Jacobo Ficher (nask. 1896, studis en Leningrada Konservatorio), Juan Carlos Paz (nask. 1898), Carlos Zozaya (disĉiplo de Pessard en Parizo kaj de Jongen en Bruselo) k. al.

***

Laŭ statistiko de Milana revuo « Musica d'Oggi » en 1936 estis unuafoje prezentitaj 3 novaj oratorioj kaj 40 novaj operoj, operetoj, baletoj de 39 italaj komponistoj. Rekordon (kun 3 operoj) havas G. Malipiero.

# Oficiala Informilo de UEA : N-ro 6

**1937 Marto 29-a Jaro**

*Ĉefdelegito franca:*

La Provizora Komitato nomis ĝis regula elekto.

S-ron Daniel Chagnoux, 10 Rue Rosa Bonheur, en Yzeure Dep. Allier, ĉefdelegito de UEA. Ĉiuj pagoj de kotizoj, mendo de insignoj en Francujo estu farataj al li.

*Poŝtabono en Germanujo.*

En unu el la lastaj numeroj ni informis pri la ebleco aboni la gazeton ESPERANTO ĉe la germanaj poŝtoficejoj. Pro teknika eraro, tio ĉi ankoraŭ ne estas ebla. Niaj germanaj amikoj volu atendi iom ĝis la abonservo funkcios. Ni informos tiam individue.

*Personaro de la Centra Oficejo:*

La Provizora Komitato de UEA dungis ĝis regula elekto la jenajn personojn:

Hans Jakob, oficejestro, administranto de UEA;

S-ino Marguerite Jörin, kaso k librotenado;

Charles Gossweiler, administrado k klasigado.

*Delegitoj de UEA*

Dum venonta monato ni komencas la publikigon de la listo de Delegitoj de UEA.

*Premioj al frupagintoj.*

Sekve de la malklareco, reginta ĝis plena reaktivigo de la UEA Centro, multaj samideanoj atendis realiĝi, kaj sekve profiti de la premio de frupago. Por bonigi tiun ĉi fakton, la rajto ricevi tian premion estas plilongigata ĝis *31 Marto 1937*.

*Respondkuponoj de UEA.*

Ni memorigas, ke la ankoraŭ cirkulantaj respondkuponoj kun dato surpresita 31 Decembro 1935 estas reakceptataj de la C.O. de UEA ĝis 30 Junio 1937. (Vidu informon en la Of. Informilo, n-ro 3, Jan. 1937).

*Ekspozicia Servo de UEA*

Liveras kontraŭ nura repago de la propraj kostoj fundamentan materialon por Esperanto-Ekspozicio. Pezo: 5 kgr. Kosto 20 Frk. sv. (En Svislando 15 Frk.).

## Preztabelo 1937

| Lando: | Mono: | M | MA | MS |
|---|---|---|---|---|
| Argentino | Pes. | 2.50 | 8.25 | 20 |
| Aŭstralio | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Aŭstrio .. | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Belgujo .. | Frk. b. | 16 | 40 | 175 |
| Brazilo... | Milr. | 12 | 30 | 80 |
| Britlando | ŝil. | 4 | 10 | 20 |
| Bulgarujo | Lev. | 50 | 125 | 350 |
| Ĉeĥoslov. | Kĉ. | 20 | 50 | 125 |
| Ĉinujo ... | Dol. | 3 | 7.50 | 20 |
| Danlando | Kr. | 4 | 10 | 25 |
| Egipto .. | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Estonio .. | Kr. | 2 | 5 | 20 |
| Finlando . | Fmk. | 40 | 100 | 250 |
| Francujo . | Frk. Fr. | 15 | 40 | 125 |
| German. | Gmk. | Jara abono : 6 Gm | | |
| Greklando | Dr. | 100 | 250 | 800 |
| Hispanujo | Pes. | 8 | 20 | 50 |
| Hungar. . | Peng. | 4 | 10 | 25 |
| Italujo ... | Lir. | 12 | 30 | 90 |
| Japanujo. | Jen. | 3 | 8 | 15 |
| Jugoslavio | Din. | 30 | 100 | 200 |
| Latvio ... | Lat. | 4 | 10 | 20 |
| Litovio .. | Lid. | 8 | 20 | 40 |
| Nederland. | Guld. | 2 | 5 | 10 |
| Norvegujo | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| Novzeland. | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Polujo ... | Zlot. | 5 | 12.50 | 25 |
| Portugal.. | Esk. | 15 | 40 | 100 |
| Rumanujo | Lej. | 100 | 250 | 800 |
| Svedlando | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| Svislando | Frk. | 4 | 10 | 20 |
| Urugvajo | Pes. | 2.50 | 5 | 20 |
| Usono (Kanado) | Dol. | 1 | 2.50 | 5 |

Fondinto : H. Hodler, † 1920

Redakcio : Tour de l'Ile, Genève,
Red. : Provizora Komitato de U E A

Presis : Granchamp,
Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)

Dato : 25 Marto 1937